# Etnismo

ISSN0930

N-RO 81 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 30.11.2007






***EN TIU ĈI NUMERO*** (duobla numero):





*Nicole Margot*

# SUBTENA AGADO AL MAPUĈA KOMUNUMO

***Kiel vi povis legi sur la retejo de IKEL, nia asocio organizis perleteran agadon subtene al la mapuĉa ĉefino Juana Calfunao Paillalef kaj al ŝia komunumo, kies membroj estas preskaŭ ĉiuj enkarcerigitaj. Vi trovos ĉi-sube resumon de la agado kun pli detalaj informoj pri la afero kaj pri la politika situacio ĉirkaŭ ĝi.***

En julio 2005 *Juana Calfunao Paillalef*, *lonko* (tradicia ĉefino) de la komunumo *Juan Paillalef,* vizitis Ĝenevon por kontakti la tiaman Komisiono pri Homaj Rajtoj, kaj tiuokaze junaj mapuĉoj vivantaj en Ĝenevo organizis publikajn renkontojn kun ŝi, pri kiu raportis la numero 77 de ***Etnismo*** (p. 12-13). Kiel ni kutime faras, ni sendis numeron de la revuo al la komunumo, kiu tial posedis nian adreson.
Lastan septembron ni ricevis de subtenanto al la komunumo la sekvan mesaĝon:

> Estimata:
> Per ĉi tiu letero mi transdonas al vi la afablajn salutojn de la *lonko* de la mapuĉa komunumo *Juan Paillalef* (Ĉilio). Ŝi petis min komuniki al vi ke ŝi estas, kune kun sia fratino, je la 26-a malsatstrika tago. Situacio kiu, kvankam ne dezirinda, tenas ŝin je nedetruebla anim- kaj fortikec-stato. Ĝis nun ŝia fizika stato ne malboniĝis konsiderinde, sed ŝia fratino *Luisa* ne fartas same, ĉar ŝi estas fizike kaj psike elĉerpita. Ŝia karcera situacio plimalboniĝis pro fitraktado flanke de la ĝendarmaro kaj de aliaj enkarcerigitoj. Ŝia edzo, *Peñi Ernesto Lincopan*, kiu estas enkarcerigita kune kun aliaj membroj de la komunumo, fartas bone, spite al pikarmila atako, kiu lin trafis dorse kaj grave vundis lin. Lia filino *Carolina* povis viziti lin hieraŭ post longa periodo pli ol sepmonata, ĉar la ĝendarmaro ne permesis tion pli frue, aludante al prudentaj instrukcioj kontraŭ la junulino.
> Jen ĉio kion mi povas rakonti. Mi antaŭdankas pro informo koncerne ricevon de tiu ĉi mesaĝo.

Sekve de tio **IKEL** sendis subtenan leteron al la ĉiliaj kaj al la regionaj aŭtoritatoj:

> Luksemburgo, la 19-an de septembro 2007
>
> **Sinjoro Ministro de la Internaj Aferoj,**
> **Sinjoro guberniestro de la Regiono IX,**
> **Sinjorino Prezidantino,**
>
> Nia asocio, de pluraj jaroj atenta pri homaj rajtoj, kaj pli precize pri la rajtoj de malplimultaj popoloj, aparte zorgas pri la nuntempa grava situacio de la membroj de la komunumo Juan Paillalef enkarcerigitaj en la malliberejo de Temuco kaj en la Altsekureca malliberejo de Santiago.
> Nia asocio aparte zorgas pri la sanstato de sinjorinoj *Juana* kaj *Luisa Calfunao*, kiuj malsatstrikas ekde la 7-a de julio 2007, kaj pri la sanstato de *Sinjoro Antonio Cadin Huentelao*, kiu suferas pri galŝtonoj kaj ne ricevas adekvatan kuracadon.
> Ŝajnas al ni, ke la rajtoj de la mapuĉa popolo ne estas sufiĉe respektataj en Ĉilio, interalie rilate posedon de iliaj teroj, kie daŭre okazas konstruoj diversaj sen ke la mapuĉoj, tradiciaj posedantoj, estu konsultitaj. Ni ankaŭ opinias ke ne krimoj, sed la agado cele al respektigo de iliaj rajtoj kondukis membrojn de la komunumo *Juan Paillalef* al karcero - sekve ilia enkarcerigo povas esti konsiderata kiel arbitra. Tial, ni urĝe petas ke:
> • la ĉilia ŝtato respektu siajn engaĝojn rilate la internaciajn interkonsentojn, kiujn ĝi ratifis, kiel ekzemple la Universala Deklaracio pri la Universalaj Homaj Rajtoj, kaj sekve de tio zorgu pri la bona sanstato de la enkarcerigitoj;
> • la ĉilia ŝtato konsideru la ĵusan akcepton de la Deklaracio por la Rajtoj de la Indiĝenaj Popoloj fare de la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj, akceptita ankaŭ de Ĉilio, kiu donas apartan gravecon al la rajtoj de la indiĝenaj popoloj pri siaj teroj kaj prapriĉaĵoj, kaj sekve ĝi respektu la rajton de ĉiuj membroj de la mapuĉa popolo luktantaj por siaj rajtoj kaj la justa posedo de siaj teroj, kaj interalie tuj liberigu la membrojn de la mapuĉa komunumo Juan Paillalef, arbitre enkarcerigitajn pro lukto cele al respekto de ilia tero.
> Ni opinias, ke de la respekto de homaj kaj minoritataj rajtoj dependas granda parto de la internacia kredindeco, kiun la nova Ĉilio lastatempe gajnis, kaj kiun ĝi devus nepre konservi.
> Kun plej altestimaj salutoj, *Daniele Vitali*

La saman leteron ni proponis kiel modelon al tiuj, kiuj deziris persone subteni tiun komunumon.
Ni ricevis la jenajn respondojn:

**Prezidanteco de la Respubliko**
Santiago, la 2-an de oktobro 2007

**Sinjoro**
***Daniele Vitali***
**Luksemburgio**

Estimata Sinjoro *Vitali*:
Salutante vin, ĉi-pere mi informas ke ni ricevis la leteron en kiu vi esprimas zorgojn pri la sanstato de la anoj de Komunumo *Juan Paillalef* enkarcerigitaj en la malliberejo de *Temuco* kaj en la altsekureca malliberejo de *Santiago*.
Rilate vian apelacion kaj komprenante ĝian gravecon por via komunumo, mi ŝatus informi vin ke ni transsendis la apelacion al la Kabineto de la Ministrejo de Justico, por ke ili eksciu pri ĝi kaj agu celtrafe laŭ sia juĝo.
Korajn salutojn,

*Nadya Rojo Barrera*, Konsilistino pri mastrumado (S)
Kabineto de la Prezidanteco, Prezidanteco de la Respubliko


Foto : www.mapuche.org
***Juana Calfunao***

**Registaro de Ĉilio**
**Ministrejo de la Internaj Aferoj**
Santiago, la 31-an de oktobro 2007

**Sinjorino *Nicole Margot***
**Svislando**

Estimata Sinjorino *Margot*,
Mi skribas al vi responde al la letero, kiun vi sendis al la s-ro Ministro de Internaj Aferoj, *Belisario Velasco Barahona*, la pasintan 25-an de septembro. En via letero vi esprimas vian zorgon pri la aktuala situacio de la membroj de la komunumo *Juan Paillalef* enkarcerigitaj en la prizono de *Temuco* kaj en la altsekureca prizono de *Santiago*. Vi aparte manifestas vian zorgon pri la sanstato de sinjorinoj *Juana* kaj *Luisa Culfana (Calfunao)*, kaj pri tiu de sinjoro *Antonio Cadin Huentelao*. Krome vi rimarkigas, ke la rajtoj de la mapuĉa popolo en Ĉilio ne estas respektataj, kaj asertas ke la agoj, kiuj motivigis la malliberigon de la koncernaj personoj, ne estas sekvo de malobeo de la validaj normoj leĝaj de Ĉilio, sed esprimo de iu hipoteza rajto pri defendo de tradicia posedaĵo, kies fonto kaj leĝeco estas konfiskitaj sen klarigoj.
Plue vi postulas de la ĉilia ŝtato respekton pri la enhavo de la deklaracioj kaj traktatoj pri la Homaj Rajtoj, tial ke, laŭ via opinio, la enhavo de la deklaracioj aŭ traktatoj estas malobservataj de la menciita lando.
Pri la konkreta kazo konvenas indiki ke:

a. En nia lando, konforme al la Konstitucio, la kvar ŝtataj povoj estas sendependaj unu de la aliaj, kaj ilia institucia aŭtonomio garantias tiom la regeblecon kiom la homajn rajtojn.
b. Laŭ tio, kiel vi scias, la koncernato estas tiu kiu estras la Ministrejon de Internaj Aferoj, dependantan de la Ekzekutiva Povo, al kiu lasta, laŭ mandato de la suverena civitarano, apartenas la regadon de la nacio. Ĉi tial nek la aludita aŭtoritato nek la Ministrejo de Internaj Aferoj havas la kompetenton kvalifiki la decidojn alprenitajn de la jura povo.
c. Plie, nia konstitucio kaj la jurisprudenco de nia Alta Tribunalo permesas, kaze de malsatstriko, insisti por la flegado de la personoj, kaj ankaŭ peti de la Juraj Aŭtoritatoj la necesan protekton de la personoj, kies vivo estas en danĝero, eĉ kontraŭ la propra volo de la koncernatoj.
d. Sen damaĝo al ĉio dirita, ni sciigas vin, ke la ĉilia registaro, tra la Ministrejo de Internaj Aferoj, instigas al respekto de la homaj rajtoj kaj al ties daŭra protekto, kaj por tio ekzistas diversaj programoj, kiuj precize materiigas kaj konkretigas la efikan protekton kaj nuntempan protekton de la konstituciaj rajtoj de ĉiuj ĉiliaj civitanoj.

Kun niaj atentemaj salutoj

*Maria Raquel Mejías Silva*, ekzekutiva sekretariino, Ministrejo de Internaj Aferoj

Inter tiuj du leteroj, mi ricevis mesaĝon de la filino de *Juana Calfunao*, kies malfacilan tradukon mi ankaŭ reproduktas ĉi-sube (la mesaĝo estis skribita sen interpunkcio kaj sen majuskloj, kiujn mi foje aldonis por pli bona kompreno, kaj mia traduko reproduktas pli malpli la stilon de la mesaĝo):

> Ĵaŭde la 20-an de septembro 2007
>
> Estimata *Nicole Margot*,
>
> Kiu vin skribas estas la sola membro de la komunumo ankoraŭ ekster la karcero, mia nomo estas *Carolina Calfunao*, mi estas la filino de la "lonko" *Juana Calfunao*, mi estas 19-jaraĝa kun mia 9-jara fratino *Relmutray* kaj frato, kiu apogas min ĉiutage en tiu lukto, mia komunumo estas enkarcerigita ekde 10 monatoj kaj la registaro ne havis la politikan volon por solvi nian problemon kaj la mapuĉajn konfliktojn, kiujn suferas ĉiutage mia popolo.
> Mia patrino atingis sian 43-an tagon de malsatstriko kun mia onklino *Luisa*, tiu lasta ne povas esti kulpigita far la justico ĉar ŝi suferas psikajn problemojn ekde kiam ŝi estas 12-jaraĝa kaj la aŭtoritatoj ne kapablis konduki ŝin al specialisto sed tenas ŝin enkarcerigita kaj neniu kuracisto flegis ŝin kiel necesas, ŝi ricevis 15 tagojn da puno ne esti vizitata de siaj familianoj kaŭze de agresiva deprimiĝo, kvankam ŝia stato estas grava kaj kvankam ŝi ne kapablas rezoni. Mia frato *Waikilaf* troviĝas enkarcerigita en la altsekureca malliberejo en *Santiago*, kiun mi ne povis viziti ekde 10 monatoj, mia patro *Antonio*, ekde la 7-a de decembro de la pasinta jaro, estas malliberigita kvankam la ĝendarmaro kaj la aŭtoritatoj gardas lin enkarcerigita sen nenia kuracado aŭ dieto kiel li devus havi, siaflanke *Ernesto Lincopan* estis vundita je la ŝultro kaj la ĝendarmaro asertas protekti lian integron fizikan kaj psikan (...) la konflikto venas de nia leĝa rajto al la tero de nia komunumo (...) La aŭtoritatoj ne respondas niajn leterojn kaj la homoj de la financoj kredigas ke ĉio funkcias perfekte kaj ke la estraro kaj la mapuĉoj kunlaboras por la sama idealo, en tio ili mensogas, ni la mapuĉoj estas lacaj esti tiom ofenditaj kaj malbone traktataj, rilate nian komunumon, rilate nian popolon. Nia komunumo estas forlasita, ni ne havas domon, taluso (tranĉeo), restas al mi. La registaro enkarcerigis mian tutan familion tiel, ke mi vidas min devigita migri al *Temuco*, kiu ne apartenas al miaj radikoj de vivo. Ekde tiam lukto tagon post tago por mia komunumo, malfacilaj 10 monatoj por ke leviĝu disponoj de sekureco, kiuj malpermesis al mi eniri la malliberejon ekde 10 monatoj. Nia juĝo okazos la 22-an de oktobro, fina juĝo dum kiu vidiĝos nia fina puno. Tiun mesaĝon mi sendas por ke vi skribu al la justico de *Temuco*.
>
> Esperante pri bona akcepto de mia mesaĝo viaflanke, mi antaŭdankas vin, restu ni en kontakto, esperante rapidan respondon.

Mi ricevis tiun emociigan mesaĝon dum ni estis ĵus komencantaj la subtenan agadon al tiu komunumo. Kaj manko de precizaj konoj pri la tuta afero malfaciligis plilarĝigon de la agado, laŭ la peto de *Carolina Calfunao*, al la justicaj instancoj de *Temuco*. Alia ne oficiala korespondado kun ĉiliano, kiu konsideras la komunumon kiel teroristan, starigis en mi iujn dubojn, kvankam mi juĝis tiun eventualon de terorismo ne probabla.




Foto el *Indymedia*

**Subtena manifestacio al *Waikilef Cadin Calfunao* enkarcerigita en la altsekureca karcero de *Santiago***

## JUĜO

La 22-an de oktobro la tuta komunumo estis deklarita kulpa kaj la 30-an oni legis la kondamnojn:

- *Juana Calfunao*, je 3 jaroj kaj 541 tagoj, plus 61 tagoj da prizono kaj monpuno da 1000 pezetoj (ĉirkaŭ 1 eŭro) por publika disturbo, atenco sur la aŭtoritatoj kaj detruo de instrukcia dosiero.
- *Antonio Cadin Huentelao*, edzo de *Juana* je 3 jaroj kaj 800 tagoj plus monpuno da 6 UTM.
- *Rosmelia Neculmán Calfunao*, je 800 kaj 300 tagoj, kunigitaj al rifuzo de antaŭliberigo.
- *Carolina Landeros Calfunao* kaj *Jorge Landeros Calfunao*, filo kaj filino de la *"lonko"* je 800 tagoj kun antaŭliberigo pro eta delikto.

## Kio estas atenco al la aŭtoritatoj kaj kiun publikan disturbon kaŭzis *Juana Calfunao*? Ĉu la membroj de la komunumo *Juan Calfunao* estas teroristoj?

Por provi kompreni tion mi enmanigis mian hispanan vortaron, sed mi ankaŭ prospektis pri informoj en mia gepatra lingvo por esti pli rapida kaj efika. Paralele al la mapuĉaj retejoj mi trovis interesan kaj riĉan retejon por franclingvanoj: temas pri www.risal.collectifs.net, Retejo pri Informado kaj Solidareco kun Latina Ameriko, kiu proponas longan liston de artikoloj kaj dosieroj laŭ diversaj vidpunktoj, sed ankaŭ aliaj diversaj retejoj.




## ĜENERALE PRI MAPUĈOJ EN ĈILIO

Loĝantaj sudmeze de Ĉilio kaj Argentino, ili ĉefe okupas en Ĉilio la provincon Araŭko, sude de Santiago.
Male al la aliaj indiĝenoj de la amerika kontinento, la mapuĉoj rezistis al la hispana invado dum 260 jaroj. Nur je la 19-a jarcento ili devis submetiĝi al la sendependa ĉilia ŝtato. Oni taksas je unu miliono la mapuĉoj renkontitaj de la unuaj hispanoj. Ĉiu familio vivis aŭtonome en sia teritorio ĉirkaŭ sia *lonko* (ĉefo). En 1641 post milita venko de la mapuĉoj ilia sendepedeco estis rekonata. Kun la nova ĉilia respubliko la mapuĉoj estis venkitaj kaj, en 1881, komenciĝis ekstermina milito. La teroj kontrolitaj de la mapuĉoj malkreskis de 10 milionoj da hektaroj al duonmiliono. Ili fariĝis malriĉaj kamparanoj devigitaj ŝanĝi siajn kutimojn, sian produktmanieron kaj siajn jurajn normojn. La registaro sendis koloniantojn. “Miaj prauloj alvenis tien en 1906, invititaj de la registaro, kiu donis al ili terenon, 200 tabulojn, keston plennajlan kaj bovan paron” rakontas *Jorge Luchsinger* el germana origino, kiu nun estas la plej riĉa posedanto de la 9-a regiono.[1]
Iom da espero alportis, en la jaroj 1970, la agrara reformo de *Salvatore Allende*. Sed la diktaturo de *Pinochet* (1973-1989) reaktivis la asimiladon. Li ediktis dekretojn por enkonduki la koncepton de individua terposedo, kiu komplete kontraŭstaras la mapuĉan filozofion. La mapuĉoj, enfermitaj en siaj teritorioj, plu malriĉiĝis kaj komplete perdis sian aŭtonomion.


Foto el *mapuexpress*

## INTENSIVA EKSPLUATADO DE LA MAPUĈAJ TEROJ

Demokratio ŝajne ne plibonigis la vivon de la indiĝenoj. La administrado de *Concertación* (grupo de partioj kristandemokrataj kaj socialismaj, kiu direktas la landon post la diktaturo) “pli mastrumas la merkaton ol la socion, plikrekskigante la diferencon inter la salajroj, kio igis la ĉilian societon la plej malegala el Latina Ameriko”.[2]
La ekspluatado de la arbaro daŭre kaj rapide disvolviĝas, kontrolita je 60% de la familioj *Matte* kaj *Angelini*, la du plej potencaj familioj de la lando (*La Forestal kaj Mininco*). Kun la hidroelektra entrepreno *ENDESA*, ili estas la precipaj malamikoj de la mapuĉoj.
La familio *Matte* posedas duoble pli da teroj ol ĉiuj mapuĉaj komunumoj. La riĉa tradicia arbaro kantita de la poeto *Pablo Neruda*, origina el la regiono, estis anstataŭita per monotona intensiva plantaĵo de pinoj kaj eŭkaliptoj uzataj por produkti celulozon eksportatan interalie al Japanio. “Ne estas pli terura najbaro, kiaj la arbaraj ekspluatejoj” diras *Aniceto Lorin*, *lonko* enkarcerita en la urbo de *Traiguén*. “La putoj sekiĝas, la aero estas poluita, la bestoj malsaniĝas.”[1]


Foto el *mapuexpress*

## MAPUĈA LUKTADO

Multaj mapuĉoj migras en la ĉirkaŭurbegojn de *Temuco*, de *Concepción* kaj ĉefe de *Santiago*. Plej multaj mapuĉoj estas urbanigitaj kaj “la virinoj povas revi maksimume pri posteno de servistino, dum viroj, kondiĉe ke ili ĉiliigu sian nomon, trovas subkvalifikajn laborojn”[1] Ekde la jaroj 1990, kelkaj reiras al siaj teroj, kiel *José*, 35-jara patro de du etaj filinoj, kiu vivas kaŝe, protektata de la komunumoj. “Mi aliĝis al la lukto antaŭ 10 jaroj. Mi fariĝis mesaĝisto de la kunordiga asocio *Arauco Malleco* (kreita en 1998). Responde al la surdeco de la aŭtoritatoj, ni pasis de postulado al agado kaj ni reprenis la terojn pri kiuj ni havis posedtitolojn.”[1] La

asocio estis deklarita "terorista" post la 11-a de septembro 2001. Ekde 1997 400 personoj estas traserĉataj. "Ekde du jaroj mia edzo kaŝiĝas", ploras mapuĉino, "la ĉilia justico akuzas lin pri terorismo. Mi kredis, ke nur tiuj, kiuj metas bombojn kaj murdas homojn, estas teroristoj."[1]

En Ĉilio neniu indiĝeno kunsidas en la parlamento, cent estas municipaj konsilantoj, 7 vilaĝestroj. *José Huenchuao*, mapuĉo enkarcerigita por 10 jaroj en la la altsekureca karcero de *Angol*, avertas, ke la komunumoj vivas nun en tia malespera situacio, ke "se tiu politika administrado, se la civila socio ne priatentas nian situacion, konfliktoj ĝis nun izolitaj okazos kun ĉiam pli da forto kaj ĉiam pli bone kunordigitaj. Tio povas esti pli grava, tio povos kosti pli multe al tiu socio ol redoni iun minimuman kvanton da teroj postulitaj de la komunumoj."[2] Fine de 2006 tamen kreiĝis la unua mapuĉa politika partio, *Wallmapuwen*, pri kiu mi parolos pli poste.



foto: *N. Pousthomis, Cooperativa de Fotografos*

### *Jaime Madriaga de la Barra*

Por respondi al tiuj postuloj la ŝtato uzas la kontraŭ-teroristan leĝon de 1984. Laŭ la advokato *Jaime Madriaga de la Barra*[3] tiu leĝo funde malrespektas la rajton al justa proceso ĉar la sekreto de la enketo povas daŭri ĝis 6 monatojn, kaj la antaŭenkarcerigo pli ol normale. La plej grava punkto de tiu leĝo estas la ebleco venigi anonimajn atestantojn, kiuj senpune mensogas ĉar ili ne povas esti akuzitaj pri falsa atesto. La kontraŭterorista leĝo antaŭvidas aparte pezajn punojn.

La advokato *Jaime Madriaga de la Barra*, kiu defendis plurajn membrojn de *Arauco Malleco* (inter 2001 kaj 2005) denuncis tiun proceson kiel nejustan antaŭ la Komisiono Interamerika pri Homaj Rajtoj. Intervjuita de *Hernán Scandizzo*[3], li asertas, ke temas pri krimigo de socia konflikto. "Ne estas dubo, ke oni troigas ies kondutojn, ĉar neniu murdo, neniu atenco al la fizika integreco aŭ al la libereco de iuj estas riproĉitaj al ili." "Kiam delikto okazas, la ŝtato ne serioze enketas, sed tuj atakas la familiojn, kio signifas, ke homo estas akuzita pro kio li estas, ne pro siaj agoj. La komunumaj ĉefoj, la *lonko*-j kaj iliaj familianoj estas aparte persekutitaj".

## *EL MERCURIO*, SUBTERA POVO

Ŝajnas do, ke bone enradikitaj restaĵoj de la diktatura epoko plu serioze obstaklas eventuale sincerajn klopodojn de la Interkonsento de la Politikaj Partioj por Demokratio, kiu subtenas la prezidantinon *Michelle Bachelet*. Kaj inter tiuj povoj ni trovas la gazetaran konsorcion, *El Mercurio*, kiu kundividas preskaŭ la duonon de la gazetara merkato, kaj praktike ĉiujn regionajn taggazetojn. Ĝi ricevas 80% de la reklamoj en la skriba gazetaro kaj kontrolas la publikan agendon. "Pli ol cent jaroj da historio, profundaj rilatoj kun ĉiuj sekcioj de la povo: ekonomia, politika, militista kaj evidente kultura. Tiu hegemona povo ne nur kapablas influi la realon, sed ankaŭ ĝin modli kaj transformi en ŝajnan kaj interesatan veron. Sed ekzistas alia vero, neniam aperigita de tiu gazetaro, vero kaŭzita de subfosaj kaj puĉaj agadoj. Ekzistas hodiaŭ sufiĉe da skribitaj informoj, ne publikigitaj de *El Mercurio*, kiuj ligas la posedanton de tiu organo, *Augustin Edwards Eastaman,* al la puĉo de 1973." "En 1970 la posedanto kaj direktoro de *El Mercurio* entreprenis traktaĵojn je la Blanka Domo por ke la registaro de Usono malhelpu la alvenon de la elektita prezidanto *Salvador Allende*, kaj, kaze de malsukceso, lin renversu. *El Mercurio* ricevis pli ol unu miliono kaj duono de la CIA (*Central Intelligence Agency*) por efektivigi la komplоton. Pruvoj pri tiuj faktoj kaj aliaj estas priskribitaj en la raporto *Church* de la usona Senato."[4]

La referencita artikolo pri *El Mercurio* parolas pri kompleta reto, kiu politike agas ĉiutage trudante temojn, viŝante aliajn, interpretante kaj premante. "La ĉefaj ŝanĝoj en la registaro de *Michelle Bachelet* realiĝis post opiniaj sondoj de *El Mercurio opina*".

## DEKLARACIO PRI LA INDIĜENAJ POPOLOJ EN ĈILIO

Ĉilio senkondiĉe akceptis la Deklaracion pri la Indiĝenaj Popoloj (vidu p. 8). La ĉilia delegitino deklaris, ke ŝi voĉdonis favore al la Deklaracio ĉar "ŝia delegitaro rekonas la kontribuon de la aŭtoktonaj popoloj al disvolviĝo de harmonia societo". En tiu kadro ŝi ripetis la ĉefan juran principon de sia lando laŭ kiu "la rajtoj de la aŭtoktonaj popoloj devas esti rekonataj, promociitaj kaj asertitaj. Tiu deklaracio utilos por plifortigi la klopodojn de Ĉilio firmigi la prirajtajn instituciojn en la lando."[5]

Loĝas 8 indiĝenaj popoloj en Ĉilio: la alakalufoj, la atakamoj, la ajmaroj, la kolaoj, la mapuĉoj, la keĉuoj, la rapanuoj, la jamanoj. Kaj ĝis nun ili neniam estis

rekonitaj. La prezidanto *Aylwin*[6] ja apogis leĝon debatitan en la Parlamento, sed en 1992 tiu Parlamento malakceptis la konvencion 169 de la Internacia Organizo de la Laboro (IOL)[7]. Indiĝena leĝo estis akceptita en oktobro 1993 de la parlamentanoj kaj naskis la Korporacion Nacian por la Indiĝena Disvolviĝo (*Conadi*), sed ĝi ne povis agi pro manko de financa rimedo kaj "fine tiu burokrateca instanco reproduktis la premon kaj eĉ foje la neon de la mapuĉa kulturo far la ŝtato."[1]

## PROPONO DE PROJEKTO POR REKONI LA INDIĜENAJN POPOLOJN DE ĈILIO

La 30-an de oktobro 2007, estis deponita projekto de konstitucia reformo far la registaro de *Michelle Bachelet*. Nomita la Bulteno 5427, ĝi estas provo konkretigi la akcepton de la Deklaracio de UN, sed ĝi malkontentigas la mapuĉojn. Efektive, se la enkonduko de tiu projekto parolas unue pri tutmonda antaŭeniro de la indiĝenaj rajtoj, sekve al la rekono de la UN-deklaracio, ĝi daŭrigas asertante, ke "la uzo de la termino -popolo- en la indiĝenaj aferoj ne devas esti interpretita en la senso, kiu havus ian implikon en tio kio koncernas la rajtojn, kiujn oni povas asigni al la dirita termino en la internacia rajto." Al tio la mapuĉoj respondas: "informe al la prezidantino, la indiĝenaj popoloj, JES estas posedantoj de rajtoj laŭ la termino de la internacia rajto." Simile al multaj ŝtatoj, kiuj pridiskutis la deklaracion de UN, Ĉilio ne akceptus iun ajn kontestojn de la nacia uneco: "neniu dubigu la unuecon de la ĉilia nacieco, el kiuj la indiĝenaj popoloj estas nedissovebla konstituo." "De tio la reformo proponas, konservante la unuecon de la nacio, rekoni la kulturan diversecon de tiuj [la indiĝenoj]." Kaj la ĉefa zorgo de la ŝtato estas, ke neniu obstaklu la ekspluatadon de la teritorioj: "Sen modifi la principon de la ŝtata povo sur la naciaj bienoj kaj la grundaj kaj subgrundaj riĉecoj, fundamente necesas ke la Ĉilia Konstitucio zorgu pri la protekto de la indiĝenaj teroj, kombine kun la projektoj de investado kaj la konsekvenca eltenebla evoluigo de la lando."[8]

## RETURNEN AL LA KOMUNUMO *PAILLALEF*

La 5-an de januaro 2006 *Juana Calfunao Paillalef* estis arestita. La unua kaŭzo ŝajnas esti malkonsento koncerne la posedtitolojn de la komunumo inter la *lonko* de la komunumo kaj la Minestrejo de la Publikaj Laboroj. Verŝajne en tiu kunteksto ŝi estas akuzita pro ŝtelo de oficiala dokumento. Ĵus antaŭ la aresto, la 2-an kaj 4-an de januaro, por protesti kontraŭ eksproprietigo neleĝa, laŭ la komunumo, la membraro blokis vojon konstruitan sur la koncerna tero far la arbarekspluata firmao. Temis pri 650 metroj da vojo blokitaj per fajro, arboj, ŝtonoj kaj diversaj objektoj. Tiu manifestacio verŝajne respondas al la akuzo pri publika disturbo. Okazis pluraj procesoj ĝis la lasta de la 30-a de oktobro 2007. Kaj la 15-an de novembro 2006 dum aŭdienco de iu "parola" proceso *Juana Calfunao* subite ekatakis minace kaj kraĉe kontraŭ la prokuroroj kaj asistantoj. Dek el ŝiaj familianoj sidantaj en la publiko aliĝis al la agreso kaj batis la prokurorojn, la ĝendarmojn kaj gardistojn. Provokante konfuzon, laŭ la raporto de la Publika Ministrejo "*Jorge landeros*, *Luisa Calfunao* kaj *Antonio Cadin* donis pugnajn kaj



foto el *mapuexpress*

perobjektajn frapojn al la prokuroroj, kaj kun la resto de la akuzitoj kaŭzis damaĝojn al diversaj posedaĵoj, kiuj troviĝis en la aŭdienca salono."[9] Kaj tio okazis sub la okulo de la televida kamerao. *Juana Calfunao* mem komentas sian geston dirante, ke ŝia agreso de la prokuroroj estis natura reago ĉar neniu tribunalo aŭskultis ŝin. "Oni bruligis en tri okazoj mian domon kaj neniu reagis, mian agon provokis la diroj de la prokuroroj, kiuj rasisme kondutis".

Certe tiu reago ne servis la komunumon, kaj ĝi ŝajnas reprezenti signon de la malespera luktado de la mapuĉa popolo en Ĉilio. Sed, kiel vi povis legi supre, se la mapuĉoj iom senpove provas rezisti, ili ĝis nun murdis neniun (dum la policaro kaj la apudmilitaj trupoj, jes, kaj senpune), kaj nenie metas bombojn, do ili ne povas esti konsiderataj kiel teroristoj, sed, kiel diris unu el ili, se oni ne atentas nun ilian lukton, ili povos ŝanĝi konduton kaj fariĝi pli radikalaj.

## NOVA POLITIKA PARTIO MAPUĈA

Iom ni tamen povas esperi pri la ĵusa kreo de la aŭtonomiista partio, *Wallmapuwen*, kiu mapuĉlingve

signifas "mapuĉaj samlandanoj". Aŭtonomista, regionalista, demokrata, progresista, laika kaj pluralista, ĝi celas la rekonstituon de la mapuĉa lando sub formo de aŭtonomia regiono, kie la lingvo *mapuzgun* (mapuĉa) estus oficiala. Tiu teritorio estus regata far ekzekutivo kaj parlamento interne de aŭtonoma regiono, elektita de la loĝantaro laŭ proporcia sistemo. "Ni bezonas politikan partion por diskuti kaj lanĉi la necesajn reformojn en la longa vojo kondukante al teritoria aŭtonomio (...) deklaras la estro de la partio *Pedro Gustavo Quilaqueo*. Tiu partio ĵus malfermis aliĝan procedon por la municipaj elektoj de 2008, sed ĝi devos kunigi 4600 subskribojn de membroj en la mapuĉaj regionoj por konkretigi la aliĝon. Sed tiu nova partio ne nur ĝuas konsenton pri sia ekzisto. Por ĉilia politikisto de la opozicio la kreo de tiu partio estas bonvena, sed tiu senatano ne vidas kial la mapuĉa etno ricevu aŭtonomion. Deputito de la reganta Partio, Por la Demokratio, favora al la rekono de la indiĝenaj popoloj opinias, ke "ne eblas doni aŭtonomion al parto de la lando ĉar ŝtato kaj nacio ne disiĝas".[10] ***NM***

**Notoj:**

[1] "Paca kontraŭstarado de la ĉiliaj mapuĉoj", *Alain Devalpo*, 16.05.2006, *Le Monde Diplomatique*.

[2] "La longa rezisto de la mapuĉoj", *Raúl Zibechi*, 12.09.2007, IRC *Programa de las Américas*.

[3] *Jaime Madariaga de la Barra*: "Mi dubas, ke oni ĉesu krimigi la mapuĉan luktadon", interparolado kun la advokato *Jaime Madariaga de la Barra*, *Hernán Scandizzo*, 16.11.2006, *Noticias Aliadas* <www.noticiasaliados. org>.

[4] "*El Mercurio*, eterna konspiranto", 05.10.2007, *Paul Walder*, *Punto Final*.

[5] Gazetara informado de UN.

[6] *Patricio Aylwin*, ĉilia politikisto kristandemokrata. Li estis prezidanto de Ĉilio de 1990-1994 post la diktaturo, por *Concertación*.

[7] La Konvencio 169 pri la indiĝenaj kaj tribaj popoloj estis adoptita la 05.10.1989 far la Organizo Interncia de la Laboro kaj valida ekde la la 05.09.1991.

[8] "La projekto pri konstitucia neado de la Indiĝenaj Popoloj". 30.10.2007. www.mapuexpress.net

[9] "Ses membroj de la familio *Calfunao* kondamnitaj en Temuco", 30.11.2007, el la mapuĉa gazeto *Aziktuwe*. http://www.nodo50.org/azkintuwe/oct27_2.htm

[10] "Ĉilio: la mapuĉaj indianoj aspiras al aŭtonomio". *Daniela Estrada*. www.alterinfos.org

Vidu saman temon en ***Etnismo*: no 77** p.12-13, **no 74** p. 2, **no 67** p. 2, **no 32** p. 9-10.

# DEKLARACIO POR LA RAJTOJ DE LA INDIĜENAJ POPOLOJ

***Etnismo plurfoje parolis pri la Deklaracio por la Rajtoj de la Indiĝenaj Popoloj. En la numero 78, p. 6-7, ni parolis pri la faktoj, kiuj kondukis al la redaktado de tiu deklaracio, kiun oni povas komencigi jam en 1920, kiam unuafoje indianaj delegitoj venis al Ĝenevo antaŭ la tiama Societo de la Nacioj. En 1970 la Subkomisiono pri Lukto kontraŭ Diskriminacio kaj por la Protekto de la Minoritatoj rekomendis studadon pri diskriminacioj kontraŭ la aŭtoktonaj popoloj, kaj la 3-an de marto la Komisiono pri Homaj Rajtoj kreis laborgrupon por skizi deklaracion. En la numero 79, p. 10 Renato Corsetti rakontis kiel la ratifo de la Deklaracio far UN estis prokrastita la 20-an de decembro 2006.***

La 13-an de septembro 2007 la Ĝenerala Asembleo de UN finfine adoptis la Deklaracion por la Rajtoj de la Indiĝenaj Popoloj per 143 jesaj voĉoj, 11 sindetenaj kaj 4 (Aŭstralio, Kanado, Novzelando Kaj Usono) kontraŭaj. Se oni povas bedaŭri, ke tiu deklaracio estas jure ne deviga, oni devas ĝoji pri la adopto de tiu "unua universala ilo, kiu asertas la rajtojn de tiuj popoloj plene ĝui la homajn rajtojn kaj la fundajn liberecojn kaj ne plu esti diskriminataj pro iliaj aŭtoktonaj originoj kaj identecoj."[1]

Tiu deklaracio, kies teksto estas tradukita en esperanton[2], ŝajnas unuavide ege bona kaj kompleta por protekti la rajtojn de la indiĝenaj popoloj. Ĝi akcentas interalie pri la rajto de la prapopoloj al mem-decido, mem-administrado de iliaj teroj kaj ties naturaj riĉofontoj, aŭtonomio, ne perforta asimilado aŭ malkonstruo de ilia kulturo.

## KLARIGOJ PRI VOĈDONOJ

Legante atente la diskutojn, kiuj antaŭis la voĉdonon, oni povas kompreni, ke tiu ne devigo estas strategie ne tiom malbona. Certe la prapopoloj senhezite rajtas pri kompleta memdecido sur ilia tero, sed tiuj rajtoj estis tiom longe malrespektataj, ke konkrete malfacilas sukcese inversi la tendencon en mallonga tempo sen riski perversigo de la procedo. Al tiu realismo koncerne la devigon, tamen kontraŭstariĝas la urĝo agi. La situacio de la prapopoloj sur nia tero estas ege malbona kaj rapide degeneranta. Kaj la ĉefaj kaŭzoj de konfliktoj inter la koncernaj ŝtatoj kaj iliaj indiĝenoj ankaŭ inkludas plejofte troan ekspluatadon de nia planedo, kiu ekologie ankaŭ troviĝas en tuja danĝero.

Certe nun multaj ŝtatoj pli malpli sincere deziras respekti la liberecojn kaj identecojn de siaj indiĝenoj, sed kiam tiu respekto, de individua fariĝas grupa,

kiam tiu respekto estas ligita al tero kun gravaj eksspluatindaj naturaj riĉofontoj, kiam tiu respekto postulas, ke la indiĝenoj estu konsultitaj antaŭ gravaj decidoj kaj leĝofaradoj, tiam la Deklaracio fariĝas tikla por ĉiuj koncernataj ŝtatoj. Kaj tiam oni povas kompreni (se ne akcepti) la argumentojn de la ŝtatoj, kiuj rifuzis la Deklaracion. Inter tiuj argumentoj oni trovas tiujn de Aŭstralio, kiu aperte kontraŭstaras la principon de memdetermino, "krom se tiu koncepto aplikiĝus al situacio de malkoloniigo. Tiu rajto ne povas aplikiĝi al subgrupo de la popolo de iu lando."[3] Kaj kiel en multaj aliaj ŝtatoj la opinio de Aŭstralio estas, ke "pri naturaj riĉofontoj, la dispozicioj de la Deklaracio povus rekonigi aŭtoktonajn rajtojn damaĝe al rajtoj de aliaj homprugoj."[3] Iom same argumentis Kanado, kiu timas, ke "iuj dispozicioj pri teroj kaj naturaj riĉofontoj, pri nocio de antaŭa konsento koncerne intelektan posedaĵon, pri vetoo-rajto, rajtigus la aŭtoktonajn popolojn kontraŭstari leĝajn aŭ administrajn decidojn de la registaro."[3] Usono tutsimple kontraŭstaris la Deklaracion ĉar laŭ ĝia reprezentanto "estas teksto negocita ekster la kunteksto de oficialaj plurflankaj negocadoj, kio starigas malfeliĉan precedenton."[3] Pluraj aliaj sindetenaj landoj menciis, ke la Deklaracio ne akordiĝas kun la leĝa ordo de ilia ŝtato. Kelkaj reprezentantoj prave riproĉis al la teksto de la Deklaracio, ke la nocio de aŭtoktona popolo ne estas (bone) difinita. Indonezio, ekzemple, kiu deklaris, ke ĝi voĉdonis favore, opinias, ke ne eblas scii al kiu adresiĝas tiu teksto. Ĝi mencias, ke la konvencio de IOL (Internacia Organizo pri la Laboro) diferencigas aŭtoktonajn popolojn de tribaj popoloj. Svedio, favora al la Deklaracio, "esprimis la esperon, ke ĝia registaro povos diskuti tre proksime kun la reprezentanto de la samea popolo pri la rimedoj por efektivigi tiun deklaraciion."[3] Tajlando prave rimarkis, ke la unua paragrafo de la artikolo 46 asertas, ke tiu Deklaracio ne povas esti interpretita kiel incito al agoj kontraŭ la teritoria integreco de suverena ŝtato."[3]

Se tiu deklaracio ne estas deviga ĝi tamen baziĝas sur la Ĉarto de Unuiĝintaj Nacioj, kiu pli malpli devigas siajn membrojn, kaj estos la rolo de la Neregistaraj Organizoj kaj de la Indiĝenaj asocioj konigi kaj respektigi la emfazojn de tiu Deklaracio por ke rapide ŝanĝiĝu la mensoj. ***NM***

**Notoj:**

[1] Gazetara informo de UN. http://www.ohchr.org

[2] http://www.uea.org/vikio/Deklaro_De_UN_En_Esperanto

[3] "Klarigoj pri voĉdonoj" el Gazetara inofromo de UN.

# *RUTENLINGVAJ POETOJ EN ESPERANTO*

## РУСКИ ПОЕТОВЕ НА ЕСПЕРАНТУ

En la Vojvodina rutenlingva revuo por literaturo, kulturo kaj arto ШВЕТЛОСЦ (Lumo), *Novi Sad*, aperanta kvarfoje jare publikiĝis rutenlingve la artikolo "Rutenaj poetoj en esperanto" de Sinjoro *Mgro Vladimir Kirda Bolhorves*, prezidanto de la Esperanto-societo *Marko Nes'ic'* en *Novi Sad*.

En la artikolo troviĝas 15 tradukoj de poemoj de 11 rutenlingvaj aŭtoroj el Vojvodino en Serbio. La poemojn tradukis al Esperanto *Boris-a Milic'evic'*, direktoro de Esperanto-Instituto de Serbia Esperanto-Ligo.

Rutenoj apartenas al eta mezeŭropa etno, nun senŝtata. Aroj de tiu etno, kies nombro varias inter kelkaj miloj kaj kelkaj dekmiloj da personoj, vivas en Ukraino, Pollando, Ĉeĥio, Slovakio, Hungario, Serbio, Kroatio, Usono kaj Kanado. Ili venis el Karpata regiono al Serbio en la l8-a jarcento. En Serbio estas ĉirkaŭ dekok mil rutenoj. Plejmulte da ili vivas en Vojvodino. Ili konfesas grekokatolikan religion.

## Jen du el la poemtradukoj:

*Havrijil Kosteljnik*
1886-1948

### MALJUNECO
*Старосц*

Iĝas frosto kaj neĝ' venas,
tero blankas - vintro jenas!
Ĉio ĝuste prepariĝas
al kvieta, dura sonĝo.
- Ho homo! Se vian kapon
neĝ' blankigas - vintro
jenas!
Vintro kiu la okulojn
en eternan sonĝon trena

*Anhela Prokop*
1940-1971

### NOKTAJ HOROJ
*Ноцни годзини*

Tutsilente kaj lante
venu sub nubon mian.
Herbgriloj kuŝas dormante,
ne veku ilin, karul' mia!

Silente kaj lante, he!
Proksimas bosketo ...
Vizaĝ' soifbrulas, ve;
donu, kara, kiseton.




foto el Tuareg fotogalerie Mola-Mola

*Alain Favre*

# TUAREGOJ, ETERNAJ RIBELULOJ

Por okcidentano – kaj ne nur – tuarego estas tute vualita homo kiu, fiere sidanta sur kamelo, trairas la dezerton, ĉu en karavano ŝarĝita je plej diversaj varoj, ĉu sola aŭ en tre etaj grupoj, kun olda fusilo kaj poste *kalashnikov* ĉiam preta por uzo. Eĉ se la tempoj ŝanĝiĝis, restas iom da vero en tia priskribo. Tiom pli, ke la pluvivo de tiu etno estas pli ol iam ajn en la historio sufiĉe minacata, por ke ĝi sentu la bezonon draste agi cele al retrovo de libero kaj, same kiel la indiĝenaj popoloj, iom da regado super la propra teritorio.

## LA PLEJ SUDAJ AMAZIGOJ

Kvankam oni ne multe scias pri la historio de tiu etno, kiu ŝajne delonge vivas en la plej centra regiono de Saharo, ĝia deveno ne estas tute mistera. Tuaregoj estas amazigoj[1], tre parencaj interalie kun la kabiloj de norda Alĝerio. Pri tio atestas ilia lingvo, kiun ili nomas *tamasheq*; jam delonge ili uzas apartan alfabeton, *tifinagh*, kiun oni rilatigas al la skribmaniero de la antikvaj libianoj, kiuj vivis okcidente de Egiptio. Dum la antikveco amazigoj loĝis en preskaŭ tuta Nordafriko, okcidente de Nilo ĝis Kanariaj insuloj. Oni konas ilin ĉefe de la romia epoko, romianoj ja konkeris almenaŭ la regionojn plej proksimajn al la marbordo post ilia venko super la fenic-devenaj kartaganoj kaj pluraj amazigaj reĝlandoj. Dumlonge tiu regiono estis parto de la imperio, en kiu ĝi tre bone integriĝis. Altnivelaj ŝtatfunkciuloj kaj armeanoj, eĉ imperiestroj venis de Nordafriko. Kristanismo aparte rapide enradikiĝis en tiu regiono, kun multaj episkopoj, teologoj, herezaj movadoj ankaŭ, kontraŭ kiuj luktis interalie la tre fama Aŭgusteno, tutcerte amazigdevena, eĉ se li sentis sin tute latinlingva kaj romia.

Kun la falo de la okcidenta romia imperio – en Nordafriko establiĝis la malbonfamegaj vandaloj, kiuj multajn masakris, multon detruis kaj provis altrudi sian arian herezon – kaoso minacis neniigi tiun grandparte romiigitan socion. Tamen tiu ĉi pluvivis pro la bizanca (orientromia) "rekonkero" fare de la armeoj de la imperiestro Justiniano kaj ties posteuloj. Kiom kuraĝaj ili estis, la bizancanoj ne sukcesis rezisti al la araba konkero de la sepa jarcento. Tiel la amazigoj malrapide islamiĝis kaj grandparte arabiĝis, ĉu pro perforto, ĉu por ne plu pagi la imposton, kiun oni postulis de ne-islamanoj. Ankaŭ iuj amazigoj fariĝis plej akraj propagandistoj de la nova kredo, kreante foje dinastiojn, kies influo sudokcidente atingis la tiamajn subsaharajn reĝlandojn.

Kiomgrade la historio de la tuaregoj eniras en tiu kadro? Ĉar Saharo estis tutcerte multe pli trairebla ol nun antaŭ du mil jaroj, oni rajtas supozi, ke la mediteranea influo povis esti relative forta. Oni trovis spurojn de romiaj vojoj, kiuj nun estas plene en la dezerto. Latinlingvaj verkistoj foje aludas pri sudaj triboj, kiuj tutcerte rilatas al la tuaregoj, eĉ se sub tute aliaj nomoj. Oni scias nenion pri la praaj kredoj de tiu popolo; verŝajne ili neniam (almenaŭ grandnombre) fariĝis kristanoj antaŭ ol ili estis islamigitaj kiel ĉiuj aliaj amazigoj.

Pri la deveno de la radiko *tuareg* ekzistas du ĉefaj teorioj: iuj opinias, ke ĝi venas de araba vorto signifanta "forlasita" – ne pro izoliteco, sed pro supozata tre mediokra islama pieco – dum aliaj, kun pli alta grado de verŝajno, rilatigas tiun vorton al *Targa*, iama nomo de valo en la suda parto de la nuna Libio; en *tamasheq* la singulara/ina radiko por *tuareg* ja estas *targui*. La tuaregoj mem plejofte nomas sin *Kel Tamasheq* – popolo de la lingvo *tamasheq*. La kavardeko de tuaregaj triboj, grupigitaj en grandaj konfederacioj, okupas delonge la masivojn de la centra Saharo, interalie *Hoggar*, *Adrar des Iforhas*, *Tassili n'Ajjer* kaj *Aïr*, kie la pluvnivelo iom pli altas ol sur la grandaj ebenaĵoj. Oni ankaŭ trovas tuaregojn en la sudsahara rando (*Sahel*) ĝis la bordoj de la riverego Niĝero.


Fotis *Cyril Preiss*

## NE NUR NOMADA VIVO

La vivo de la tuaregoj restis longe hierarkia kun ekzisto de tre diversaj kastoj. La nobeloj (*Imajaghan*) fakte posedis la landon kaj laborigis la kultivistojn en oazoj kaj en montaraj lokoj. Inter tiuj ĉi troviĝis sklavoj (*Iklan*, el la vorto *akli*, nigra) de subsahara deveno. Estis ankaŭ metiistoj (*Inaden*), kiuj prilaboris metalon, ankaŭ ili de suda deveno. Vasalaj triboj (*Imrad*), ofte de miksita origino, okupiĝis pri diversaj aferoj, interalie komerco, sub kontrolo de la *Imajaghan*. Por multaj el ili riĉaĵo nombriĝis per kameloj, sed oni bredis (kaj plu bredas) aliajn brutojn, interalie kaprojn kaj bovojn en la plej sudaj partoj. Kiam io mankis, oni ne hezitis razii la sahelajn urbojn – tiu tradicio de razio fare de blankaj nomadoj (ne nur tuaregaj, sed ankaŭ arablingvaj) al nigraj fikshejmuloj, oazaj aŭ urbaj, sufiĉe longe daŭris por lasi spurojn ĉefe en la menso de subsaharaj afrikanoj kaj eĉ klarigi almenaŭ parte nunajn konfliktojn. Sklavigo ekzistis ĝis malfrue en la dudeka jarcento; sed ofte sklavoj iĝis liberaj homoj, adoptante la vivmanieron de la aliaj tuaregoj. Tiel oni foje parolas pri "nigraj tuaregoj", kiuj nuntempe estas malpli rekoneblaj, ĉar la tuarega socio estas almenaŭ en iuj lokoj de miksita deveno, eĉ se la nunaj nobelidoj plejofte plu rifuzas tian miksaĵon.


Fotis *Cyril Preiss*

Se sklavoj, sklavidoj, artizanoj ofte restis longe en la sama loko, aliaj moviĝis por komerci, paŝti gregojn, depreni monon aŭ varojn de subuloj kaj kompreneble militi. Por defendi siajn interesojn la tuaregoj ja ne hezitis milite interveni kontraŭ aliaj nomadaj popoloj kaj eĉ grandaj reĝlandoj, kiel ekzemple la *Songhai* imperio (Niĝervalo), kiun ili kontribuis detrui fine de la deksepa kaj komence de la dekoka jarcentoj.

Multo restas nun de tiu iom komplika, tavoligita organizo, kiu ebligis al tiu socio iom stabile vivi en aparte malfacilaj kondiĉoj. Multo restas ankaŭ de la tuarega tradicio. Oni foje asertas, ke ĉe tuaregoj virinoj havas pli da socia povo ol en aliaj nordokcidentafrikaj socioj, kio ne aparte veras. Tio venas eble de la fakto, ke nobeleco transdoniĝas per virinoj, kaj ankaŭ ke nur la viroj portas vualon. Ankoraŭ nuntempe, viroj emas montri nur siajn okulojn. Antaŭ eksteruloj, inkluzive de bofamilianoj, ili demetas la vualon eĉ ne por manĝi. Se tia kutimo povas aspekti stranga, ĝi eble havas ankaŭ praktikan utilon. En lando, kie preskaŭ ĉiam vento blovas kiam ne blovegas, "se la vivo eniras per la buŝo en formo de nutraĵo, same eniras la morto en formo de sablo", laŭ tuarega dirmaniero.

## KOLONIA PERIODO

En 1830 Francio ekkonkeris Alĝerion – sed en tiu epoko temis nur pri ties norda, mediteranea parto. Sed tiu eŭropa lando jam posedis urbojn kaj kontorojn laŭborde de Atlantiko, en okcidenta Afriko. Dum la dua duono de la deknaŭa jarcento kolonia konkurenco akriĝis inter eŭropaj grandpotencoj, tial la franca registaro decidis esplori la internan parton de la kontinento. Kaj en tiu epoko, esplori signifis ankaŭ konkeri, planti la standardon por montri, al kiu apartenas la "nova" lando. Tamen longe la francoj hezitis enprofundiĝi en la dezerto, bone konante la reputacion de la tuaregoj, kiuj tiel dum pluraj jardekoj povis plu vivi trankvile en siaj montaraj fortresoj. En 1881 malbone organizita esplormisio estis masakrita de la tuaregoj en la nuna alĝeria Saharo, kio skandaligis la francan publik-opinion. Dudek jarojn poste alia misio, kiu apenaŭ evitis la saman sorton, sukcesis trairi la dezerton de Alĝerio al la Niĝer-bordo. Tuj poste la franca generalo *Laperrine*, ĵus fondinte la tre efikajn kaj moviĝemajn "saharajn kompaniojn", sukcesis venki la tuaregojn apud *Tamanrasset*. Sed la "paciga" kampanjo nur komenciĝis kaj estis entute malfacila. Ekzemple en 1916-1917, plene dum la unua mondmilito, tuaregoj organizis grandan ribeladon, kaŭzitan interalie de la konstruo de fervojo, kiu